51 Num. ★ Madrido - Aŭgusto-Septembro - 1921 ★ V Jaro.

# HISPANA ESPERANTISTO

ILUSTRITA REVUO MONATA

Oficiala Organo de "Zamenhofa, Andaluzia kaj Aragona Federacioj„



KASTELO KRIVOKLÁT

(ko[illegible]uita en la jaro 1500), ornamas la boheman kamparon same kiel kvanto da aliaj kasteloj kaŝitaj en la pentrindaj anguloj aŭ leviĝantaj sur nealireblaj rokoj.

# LA XIII.ª

Ĉi tiu raporto estas tro konciza, ĝi nur celas informi ĝenerale; mi preparas detalan priskribon kun miaj impresoj, kiu aperos sur libro kiel eble plej baldaŭ.

Mi aliĝis al karavano de UEA organizita de S-roj Genermont, Komitatano de UEA (Moulins) kaj de S-ro Poncet, D. de UEA (Lyon). Mi eliris el Jaca la 22.an de Julio kaj alvenis sekvantan tagon al Barcelono, kies Barcelona Esperanta Societo akceptis min per tiu sento frata, kiun oni atingas per vigla, sindonema kunlaborado por kaj pro Esperanto; la karaj kunlaborantoj de B. E. S. helpis min efike pri pasporto. Multe mi ĝuis dum la kunesto ĉar ju pli la tempo pasas des pli fariĝas gravega B. E. S., kun tre grava komerca fako, kun belega hejmo en la strato Rambla de los Estudios, 12, ĉefetaĝo. Sekvantan tagon mi forveturis je la 7.ª matene, kaj mi havis la plezuron dum la vojaĝo brakpremi kore S-ron Rocamora, prezidanto de B. E. S., kiu venis de San Feliu de Guixols al mia renkonto. La esperantaj salutantaj frazoj de mia kara amiko, fidela kaj nelacigebla kunlaboranto, atenttigis aliajn esperantistojn, kiuj tuj alvenis, kaj mi havis la plezuron saluti S-ron Grau, direktoro de «Kataluna Esperantisto», kaj aliajn.

La 24.an je meznokto mi alvenis al stacio Perrache de Lyon; mi surmetis la dorsosakon plenan je broŝuroj kaj specimenoj de HISPANA ESPERANTISTO, donacotaj; prenis la valizon kaj aliris al unu el hoteloj starantaj kontraŭ la stacio. Sekvantan tagon je la 9.ª matene mi vizitis la templeton de Esperantismo en Lyon (La Esper. Oficejon), kies pastrino, S-ino Farges, akceptis min kontente. Tuj alvenis la nervema simpatia, kaj nelacigeble laborema Poncet: «Jen la taktiko»! li ekkrias jus enirinta antaŭ ol iu ajn estu povinta ekparoli, kaj diris pri la aferoj de la karavano. Tuj S-rino Farges prezentis min al li.

Dum la 25.ª kaj 26.ª, dank' al gvidado de samideanoj de la laborista grupo de Lyon, mi ĝuis la vidindaĵojn de la urbo. Mi vizitis tiun grupon kaj la malnovan Lionan Grupon, en kiu okazis festeto kun paroladoj.

La 27.an je la 7 h 15 ni forveturis. En la stacio de Genéve salutis nin tieaj gesamideanoj kaj iuj adiaŭis nin ĝis Praha. En Olten kuniĝis tri svisaj gekaravananoj, kaj je la 20 h 25 ni alvenis al Zürich. Ĉi tie akceptis nin entuziasme nombraj samideanoj, kiuj akompanis nin al la hotelo kaj poste dum promenado. Fine ni eniris en kafejo, kaj okazis kvazaŭ esperanta festeto; per kiu ni faris propagandon kaj mi ĝuis la dolĉan impreson pri la fideleco de svisaj samideanoj al *interna ideo*, per iliaj paroladetoj, kaj certe ke ili havis saman impreson pri fideleco de la Hispanoj, ĉar miaj paroloj estis pravigataj sekvantan tagon per la specimenoj de HISPANA ESPERANTISTO kaj broŝuroj de mi donacitaj.

La 28.an matene ni vizitis Zürich, kies samideanoj estis al ni afablegaj kaj plezurigis nin dum la vizito. Al Zürich venis por saluti la karavanon gesamideanoj de iuj urboj. Je la 14 h 30 ni forveturis post adiaŭo frata ĝis revido iam aŭ en Praha. Simpatia kaj respektinda akademiano S-ro Cart kuniĝis al la karavano.

Jen ni en Innsbruck, je la 20 h 52. La D. kaj iuj gesamideanoj, unu el Vieno kaj du simpatiaj junulinoj, korespondantinoj de la karavanano S-ro Casanova el Tarrasa (Hispanlando), akceptis kaj gvidis nin al la hotelo, kaj alveninte ni havis malagrablaĵon, ĉar kvankam oni mendis lokon por ĉiuj gekaravananoj, ne estis eble atingi ĉambrojn por ĉiuj, kaj iuj estis devigataj iri al alia hotelo. Jen la kaŭzo: la varmo estis terura kaj turistojn restigis en la hoteloj. La vojaĝo tra Aŭstrio estis por la karavano laciga pro la varmo kaj tial ke ni vojaĝis en la koridoro de vagono kvazaŭ brutaro.

La 29.an matene kaj posttagmeze ni vizitis la urbon, kaj je la 16 h 25 ni forveturis al Salzburg, al kiu ni alvenis je 23 h. La akcepto de la Salzburgaj samideanoj estis tre ĝen-

tila kaj afabla kaj la plimulto el la karavananoj iris ripozi, ĉar la vojaĝo estis sama, kia la antaŭa. Dum la mateno kaj postagmezo ni vizitis la urbon kaj multe ĝuis, ĉar akompanis min nombraj samideanoj vestante la tipan tirolan kostumon, multaj el ili venis de diversaj urboj kaj ĉiuj estis kvazaŭ esperanta manifestacio dum la vizito. Post la tagmanĝo estis paroladetoj, kiuj elpruvis, kiel tiuj de Zürich, la puran senton de Esperantismo. S-ro Cart belege paroladetis pri neceso konservi la lingvon same, kiel lasis ĝin al ni la Majstro. Je la 15 h 10, ni alveturis al Praha kaj ni alvenis al la aŭstria landlimo, kiam la nokto etendis sian densan vualon ombran, kaj post la vizito al la dogano, tial ke ni devis resti kelkajn horojn, la karavano aliris al proksima domo en kiu oni servis al ni trinkaĵojn kaj manĝaĵojn. Sub simpla tegmento el ligno, lumigataj de acetilena gaslampo, la karavananoj trinkis, manĝis, kaj amuziĝis per tute internacia improvizita festeto en frata rondo. Meznokte ni reiris al stacio; malmulte da tempo poste ni vojaĝis al unua ĉeĥa stacio, kie ni devis atendi sufiĉe da tempo. Jen ni sur vagonaro iranta al Praha: ni preteriras la Danubon, kiu ne konvinkas min pri sia blueco; en stacio, kiun rapide ni preteriras, ni vidas verdan flagon sur fenestro de vagono de haltigita vagonaro; ni flagrigas la nian salutante tiun, kaj baldaŭ vizitas min aŭstriaj kaj ĉeĥaj samideanoj, kiuj vidis nian flageton. La Karavano kreskadis al Kongreso, kiel rivero al maro.

Proksimume je la 10 h ni alvenis al stacio Wilson de Praha. Mi plezurege brakpremis mian karan amikon Cimr. Oni donis al ni en la provizora akceptejo dokumentojn, sed oni ne povis doni al ni, por ĉiuj, jesan respondon pri ĉambroj menditaj en la Hotelo Parizo. Ĉi tio kaŭzis malagrablaĵeton, sed oni ne devis gravigi ĝin, ĉar same kiel en Insbruck, la granda varmo restigis multajn vojaĝantojn en la hoteloj, kaj ne estis granda fundamento por plendoj, ĉagrenoj kaj malagrablaĵoj. Fine, la karavananoj havis ĉambrojn en la hotelo.

Mi havis bonegan impreson de la unua momonto pri la simpatia, admirinda kaj gastigema kongresurbo; de antaŭ multaj jaroj mi sentis simpation kaj altiron al Ĉeĥoslovakio, kaj mi konfesas sincere, ke la simpatio kaj altiro kreskadis senĉese malgraŭ iuj malfacilaĵoj negravaj, ĉar kiam oni forlasas la propran hejmon oni devas atenti kaj bone konscii, ke ne ĉio disvolviĝos meĥanike laŭ deziro, kaj regule laŭ plano kaj kutima vivo, eĉ mi dankis la malfacilaĵojn ĉar ili ĝuigis al mi feliĉajn momentojn, eĉ horojn; plie, oni devas pensi pri 2500 gekongresanoj proksimume, kaj ke, duonhoron antaŭ nia alveno, okazis tiu de speciala vagonaro, kiu de Dresdeno portis esperantan popolamason.

Dum mateno de la unua tago jam laboris Lingva Komitato kaj Konstanta Komitato por Kongresoj, kaj registris nomojn de la delegitoj por saluti la Esperantistan Popolon je la nomo de Nacioj.

Jen la salonego *Smetana* de Reprezenta Domo, belega, arta palaco en kiu okazas reprezentoj, invadita de la Esperantistaro. Je la 15 h, ĉeĥa profesoro Wiedermann majstre ludis orgenon, kaj ĉiuj koroj religie sentis la plej profundan emocion aŭskultante la unuajn akordojn de nia himno, la emocio estis baro al niaj voĉoj, kaj la Kongreso estis malfermata.

Post elekto de honora kaj efektiva prezidantaro kaj dankantaj paroloj de la elektita prezidanto D-ro Kamaryt, ĉi tiu legis saluton de la honora prezidanto generalo Sebert, donis bonvenon al S-ino Klara Zamenhof kaj salutis oficialajn representantojn. Tuj parolis D-ro Ŝusta ĉeĥa, instruministro, je la nomo de la ĉeĥoslovaka registaro kaj la vicurbestro de Praha, inĝeniero Rotnagl, kiu je la fino diris iujn esp. parolojn bedaŭrante ne koni perfekte la lingvon por povi esprimi siajn pensojn.

Denove D-ro Kamaryt parolis prezentante al ni sian opinion pri Esperanto kaj Esp. Movado, kiu forte impresis la aŭskultantaron. Poste la prezidinto de la Haga Kongreso, pro foresto de generalo Sebert, legis ra-

porton de Konstanta Kongresa Komitato; kaj jen staranta sur la parolejo la simpatia juna apostolo de Esperantismo, D-ro Edmon Privat, kiu per alloganta, ravanta dirmaniero malfermis la VII.an Kongreson de UEA; sed li ne parolis, li kantis por danki la kongresarangintojn, por esprimi sian estimon al ĉeĥa nacio; kaj lia kanto diris al ni la forton de la pacaj armeoj de la progreso; lia kanto elpruvis al ni tion, kion povas saĝaj kaj spertaj homoj kiel Masaryk kaj Beneŝ; lia kanto konstatis tion, kion la popoloj povas atingi per trankvilo, per saĝo, per laboro konstantaj ĉe la plej altaj idealoj. Li elmontris al ni similecon inter UEA kaj Ruĝa Kruco; kaj fine, li vidigis al ni Esperanton nepre necesa por nova kulturo de la Homaro, salutis, ĉeĥe Ĉeĥoslovakion kaj proponis telegramojn al Prezidanto Masaryk kaj Ministro Beneŝ. Ofte aplaŭdadoj interrompis la oratoron.

Profunde impresis la Esperantistaron legado de letero de S-re Benéŝ, letero plena je *interna ideo*, je estuziasmo, je fideleco kaj memdecido al Esperanto «valora por ĉiuj sinceraj pacifistoj.» La aŭskultantaro premiis per longa aplaŭdado la leteron.

Parolas je la nomo: de belga Ministro por scienco kaj arto, Frans Schoofs; de finlanda Ministro por instruo, Vilho Setala; de la hispaua Registaro, majoro Julio Mangada Rosenorn; de la itals Ministro por mararmeo, Kom. A. Alessio; de litova Ministro por financo, komerco kaj industrio, Medem; de nederlanda Ministro por instruo, arto kaj scienco, Sevenhuysen; de ekonomia saksa Ministro, D-ro Wicke. Ankaŭ reprezentantoj de Saksa Esp. Instituto, de ukraina Misio en Praha kaj de Ligo de Nacioj. Fine alvenas la simpatia kaj klerega vicsecretario de la Ligo de Nacioj D-ro Nitobe, kiu ankaŭ parolas sed angle, kaj tradukas al ni la paroladon S-ro Privat, kaj la impreso estas profunda kiam ni scias, ke D-ro Nitobe tute konvinkita estas, ke Esperanto estos la lingvo de la Ligo, ke la tradicio de nia kara lingvo detruos la tradicion de la milito, kaj ke tion pruvas la aŭskultantaro konsistanta el pli ol 40 nacioj unuigitaj en frata rondo. Rapide salutadis poste la delegitoj de la naciaj Esperantistaroj, kaj je la nomo de la Hispanoj tion faris nia kara sprita samideano el Bilbao kaj sperta inĝeniero, S-ro Allende, kaj kvankam momente, fulme, lia spriteco trafis la aŭskultantojn.

La tutmonda frataro kaptita de freneza entuziasmo forlasis la belan kaj artan salonegon pro fino de la solenega manifestacio, je la 22 h.

Mi ne povis klarigi al mi, kiel mi havis fortojn fizikajn por ĉeesti interkonatigan vesperon en Zofin, ĉar mi estis lacega, sendorma kaj eĉ malsata. La celo interkonatiga estis neebla, ĉar la ĉeestantoj estis multenombraj kaj amase venis gratuli kaj manpremi min pro mia parolado, kaj ĉiuj petis al mi subskribon sur kajeroj malgraŭ senkulpigo pro laciĝo kaj donaco de broŝuroj kaj specimenoj de HISPANA ESPERANTISTO, sur kiuj ili havis miajn nomojn kaj adreson. Ili estis nekonvinkeblaj kaj mia mano trolaciĝis.

La 1.an, la 3.an kaj 5an de Aŭgusto okazis kunsidoj de UEA. Estis plezurege por ĉiu kiu ĉeestis antaŭan Kongreson, rimarki la multenombrajn Ueanojn ĉeestantajn. Post malferma parolado de la Prezidanto S-ro Stettler, la ĝenerala sekr. konigis la ĉefajn puntojn de la jara raporto, antaŭe disdonita al kongresanoj de UEA. Longegaj debatoj okazis dum la unua kunsido perdante multe da tempo ĉar oni trouzadis la parolon pri respond-kuponoj, pri la jarlibro; pri la samideanoj, kiuj malhoneste proponas interŝanĝojn, ĉar ili ricevas sed ne sendas. Ĉi tiuj diskutadoj negravaj sed tedaj forigis min. Mi sciis; ke prave S-ro Privat plendis pro konstanta alfluado de longaj petoj, alvokoj, k. c., al «Esperanto»; mi diras, ke li estis prava, ĉar mi, pro HISPANA ESPERANTISTO spertis same, ke la petoj kaj alvokoj ŝtelas multe da loko kaj apenaŭ efikas; ke oni elektis S-inon Klara Zamenhof, S-ron Rockmann, S-ron Blaise kaj S-ron Carles honoraj membroj.

La dua kunsido, post iuj novaj salutoj, estis pri organiza demando, kaj tial S-ro Page prezentis la raporton de la komitato, kiun oni elektis en Hago por unuigi kaj reorganizi la esperantajn organizaĵojn, per Universala Ligo Esperantista (ULE). Longa diskutado, tro longaj paroladoj; oni povas kredi, ke ĉiuj forgesis, ke «tempo estas oro» kaj ke «unuiĝo estas forto». Mi konstatas, ke mi apartenis antaŭ la milito al diversaj internaciaj societoj, ke mi ilin helpis per la gazeto «Homaro» kaj la helpo al la gazeto de iuj societoj estis nenia, mi ne plendas, ĉar mi tion faris, kune kun miaj fratoj Emilio G. Linera (presisto) kaj Fernando Redondo (staba majoro) tial ke helpi idealojn homamajn estas devo nepre plenumebla al ni. Post la milito venis al mi invitoj al reaniĝo kaj mi ne komplezis la invitintojn, kaj kiel respondon, mi donis la unuan broŝuron «Homaro», kiu aperos laŭ eblo; mi opinias, ke ĉiuj organizaĵoj kaj institucioj devas unuiĝi konservante siajn proprajn karakterojn, kun reciproka respekto sed kun komuna agado por komuna celo. Kiam pro insistanta invito mi ĉeestis, en la ĝardeno de Zofin, kunvenon de gazetistoj, aŭskultinte longe, mi petis parolon kaj esprimis opinion saman, kian antaŭe aperas, kaj diris: «mi helpos la organizaĵon sed mi nur apartenos al ĝi, se ĝi fariĝus fako de UEA.» Iu timis perdi sendependon; alia, fali en tiranecon de statutoj de UEA. Mi kontraŭstaris tiajn opiniojn rapide. Oni akceptis mian proponon, sed la rezultato mi ne sciis ĉar mi devis forlasi la kunvenon pro alia laboro. Ĉi tio pruvas, ke mi opinias grava kaj plensukcesa por Esperaoto la ideo pri ULE., kaj mia deziro estas, ke ĝi sukcesu dum la XIV.[a] Ĉi tiu afero estis prokrastata ĉar oni devis pritrakti ĝin dum la unua laborkunsido de la XIII.[a]

La tria kaj ferma kunsido dediĉas la tempon al Ruĝa Kruco, Ligo de Nacioj, Internacia Laboroficejo, pri kies celo parolis S-ro Privat, kaj al nova organizo de la Esperantistaro per la Universala Ligo Esperantista; tial ke ĉi tiu celas unuiĝo kun UEA, S-ro Stettler parolas por danki al S-ro Page, por akcepti en principo la raporton pri ULE ĉar la komitato de UEA devas studi la aferon detale, meti ĝin al voĉdono de ueanoj eĉ eble prezenti novan planon. Mi esperas, ke la XIV.[a] voĉdonos la Ligon kaj ke ni nomos generalon Sebert ĝia honora Prezidanto, laŭ proponis S-ro Privat. Post dankoj de S-ro Privat al S-ro Stettler, je la nomo de la kongresanoj, ĉi tiu fermas la Kongreson de UEA.

Dum la laborkunsidoj de la XIII.[a] estis novaj salutoj kaj salutleteroj, el kiuj tiu de Henri Barbusse, legita de la delegito de la Ligo de Eksmilitistoj, eksplodigis varmegan aplaŭdadon; oni aprobis la projekton de monumento al la Majstro; oni akceptis, pro propono de Pola Esp. Societo pri enkonduko de Esperanto en lernejoj, proponojn de S roj Priavt: interesi per telegramo al Ligo de Nacioj, ke ĉi tiu rekomendu al siaj membroj studi la aferon; per telegramo al ĉeĥoslovaka registaro peti, ke ĝi proponu la enkondukon (kiel nedeviga fako) en la unua proksima kunveno de la Ligo, kaj de S-ro Arnhald por ke la kongreso interrilatu kun naciaj asocioj, ke ĉi tiu, elektu komitatojn kiuj devos sin turnu al siaj registaroj kun sama peto. Antaŭe oni devis pritrakti la raporton pri organiza demando, sed ĝin prokrastis por kunsido de UEA, pri kiu mi jam diris, ĉar la dua kunsido de la XIII.[a] kaj de UEA estis komuna. La tria kunsido aprobis la protokolojn de la antaŭaj. Novaj salutoj, el ili jen tiu de la ĉeĥoslovaka Prezidanto, S-ro Masaryk: «Mi dankas al enlandaj kaj fremdlandaj kongresanoj iliajn salutojn, kiuj estas vere reciprokaj. Mia deziro estas, ke via celado sukcesu servante al progresema idealo pri internacia organizo.» Fondo de Komitato por internacia helpo al «Esperanta Ligilo». Oni parolas, pro raporto de S-ro Setala, pri la esp. gazetaro, por alveni al akcepto de decido de la Prezidanto de UEA, laŭ kiu la XIII.[a] rekomendas, ke oni ne fondu gazeton kiam ĉi tiu ne respondas al nepra bezono, ĉar ne multenombraj gazetoj sed bone zorgitaj elpruvas forton de nia

movado. Dum la kunsido alvenis la delegito de la Internacia Laboroficejo, kiu salutis france esprimante sian miron pro la facila interkomprenigo.

Multenombraj samideanoj ĉeestas la ferman kunsidon. Saluto, esperante, de S-ro Rodolfo Horner, oficiala delegito de Ruĝa Kruco en Geneve; decido de arĥitekturistoj kaj inĝenieroj ĉeĥoslovakaj favora je Esperanto; plendoj pro kritikoj pri la Krestomatio, kiujn aperigas gazeto; kaj tial ke komercistoj malbone trouzas nomojn «Zamenhof» kaj «Esperanto» por siaj komercaĵoj; raporto pri Lingva Komitato kaj nomoj de personoj kunlaborantaj en la fako de D-ro Corret; decido de studentaro; postkongreso en Budapest; konsiloj pri elparolado. Kaj jem diskuto pri la urbo de la XIV.a; multaj parolis ĉar nur Wiesbaden (Germanlando) invitis oficiale, kaj la diskuto estis interesa, ĉar elpruvis, kiel oni sentas la internan ideon, kaj fine estas konkludo: Helsinki estos la urbo de la XIV.a S-roj Narita kaj Belmont invitas al Tokio kaj Varsovio respektive por la XV.a, la lasta per ŝerca versaĵo. Dankantaj paroladoj de S-roj Cart, Isbrucker kaj Kamaryt, kiu fermas la Kongreson.

Okazis multenombraj fakkunsidoj, kaj el ili estis rimarkinda tiu de malgrandaj nacioj, kiu faris konkludon, kaj kiun legis al la Kongreso D-ro Fridrich dum la tria laborkunsido.

La koncerto de la ĉeĥa Akademio de Muziko kaj Kanto, la Ĥoro de Instruistoj, la majstra harpludo de Klička, la gimnastikaj ekzercoj de gesokoloj kaj la dancoj, donis al kongresanoj neatenditan ĝuon; sufiĉas al mi esti ĝuinta tiel, por ne ŝpari laŭdojn al niaj Prahaj samideanoj.

Tial ke en Berno mi spertis pri nepre necesa loko proksima je la scenejo por ĝui la teatraĵon, mi aĉetis la apogseĝojn por du svisinoj kaj por mi laŭ tiu sperto, sed kiam mi iris al miaj lokoj ĉi tiuj estis okupataj kaj lokumistino lokumis nin tre malproksime. Nur alvenis al mi murmurado nekomprenebla; mi rimarkis ke la geaktoroj ne sin movis apenaŭ; mi suferis grandan varmon, kaj peza dormemo, ĉio decidis min iri hejmen kaj elirante mi trovis la karan kaj simpatian akademianon Cart, kiu opiniis same kiel mi.

La ekskurso al Moravia Karsto estis por mi plenplezuro. Pri nenio mi plendas. Iuj okazintaĵoj ne estis al mi malagrablaj, por mi ili estis eĉ plezuro, ĉar ili estis kaŭzo por ridi, ŝerci kaj amuziĝi. Mi ĝuis plenperfekte la ekskurson, kaj esti vizitinte la mirindajn labirintojn kompensis ĉiajn malagrablaĵojn.

La koncerton de blindaj muzikistoj mi ne ĉeestis. La vizito al vidindaĵoj de Praha sub gvidado de ĉeĥaj samideanoj estis peza, laciga pro la varmo kaj la granda nombro da samideanoj. Tiu, kiu amas artaĵojn, tradiciojn, k. c., ne ŝatas vizitojn amase; sed mi ĝuis multe, ĉar okazis vere grandioza manifestacio, kiu mirigis la Prahajn neesperantistojn. Tagon, mi faris plej interesan viziton.

La ĉeĥaj samideanoj povas esti kontentaj. Mi gratulas ilin tutkore. Iam ili scios kiom mi ĝuis; kion mi sentadis dum mia restado en la gastigema, belega kaj simpatia ĉefurbo de ilia patrujo. Mi konservos ĉiam plezurigan memoron el vi, karaj fratoj!

*Julio Mangada Rosenörn*

---

# VIVU ESPERANTO!

«Ni diris hieraŭ», (1)
ripetas senlace;
la karan laboron
daŭrigu do pace.



Nur tiel atingos
la grandan sukceson,
kaj via agado
ne konu la ĉeson.

(1) Fama frazo de Fr. Luis de León.

En multaj el lingvoj
min oni parolis,
ne ĉiam komprenis
mi, tamen ĝin volis.



Kaj lernis la francan,
eĉ anglan, germanan,
aliajn ankoraŭ,
krom mian; hispanan.



Afero belega,
sed vere enua,
ĉar mi ĉiam «fremda»
la kapo, jam brua,



el vortoj kaj frazoj
pleniĝis senfine,
se ruse mi volis,
parolis mi ĥine.



*Új élet es mozgás* (1)
mi kredis konvena,
anstataŭ la supon,
mi petis la *cena* (2).



Respondis al ĉarma
fraŭlin': *arigato!* (3)
sed ŝi kredis aŭdi
la voĉon de kato.



Germanon mi diris,
kun movo de mano,
dum li: *Guten Morgen!* (4)
mi lin: *Dobre rano!* (5)

(1) Hungare: Nova vivo kaj movado.
(2) Hispane: Vespermanĝo.
(3) Japane: Dankon!
(4) Germane: Bonmatenon.
(5) Slovake:

Kalkulis mi laŭte:
*iti, ni, ssan, ssi, go* (1),
min oni respondis:
*¡carambo, mi amigo!* (2)



Al reva virino
mi celis tutkore,
ŝi diris mokante:
*oh mio signore!* (3).



Kaj ĉio miksiĝis
en mia la kapo;
*potatoes* (4) kaj *boda* (5)
kun *poire* (6) kaj *rapo*.



*Zum Tenfel!* (7) kriegis
mi ĉiujn terure,
la lingvoj ne lasas
min vivi plezure.



Se iu parolas,
krom lingvo nacia,
ĝi estu Esperanto,
neniu alia.



Antaŭen, karuloj,
kun nia espero,
ĝi estas beleco,
boneco kaj vero.

(1) Ĥine: unu, du, tri, kvar, kvin.
(2) Hispane: Tondravetero, mia amiko!
(3) Itale: ho, mia sinjoro.
(4) Angle: terpomoj.
(5) Ruse aŭ slovake: akvo (Ruse, iomete aliel).
(6) France: piro.
(7) Germane: Al la diablo!

Se iu vin ridas
kun kapo melona,
respondu *zulue*
al li: *Saku bona* (1)

*Felikso Díez*

(1) Zulua salutmaniero: ci estas ci.

# La kruco de la rabeno

En la malgranda tombejo de Saint-Dié, la franca urbo de la *Vosges* la malamikaj dioj faris la pacon... La ĝenerala Vikario de la eparĥio kaj la Granda Rabeno de Francujo preĝis kune apud la sama tombo kaj interparolis vortojn pri frateco kaj toleremo apud monumento starigita por honori Abrahamon Bloch.

Kiu estis Abrahamo Bloch? Unu el martiroj de la Granda Milito. Tre eble la unua viro mortinta sur la batalkampo ne alportinta sur si armilojn. Bela ekzemplo de toleremo, de tiu virto, kiu devas esti la virto de la moderna tempo. Eĉ mortinte, li igis ĉirkaŭpremi super siaj cindroj la malamikajn pastrojn de la du malamikaj Sidejoj: venkinta Romo kaj venkita Sion.

Ĝi estis aŭgusto de 1914.ª... Abraham Bloch, kiel militista hebrea pastro, iris kum la 15.ª korpuso al la antikva landlimo de Alsaco.

Dum furioza batalo Bloch vidis vunditon, kiu alvokis lin de la linio de pafantoj. Li estis katolika soldato kiu kredis pro simileco de uniformoj, ke Bloch estis katolika pastro. Kaj tiu kompatindulo antaŭ ol eniri en la Eternaj Ombroj, volis, ke ia pastra mano metu antaŭ li la krucon de la pardono kaj la espero.

Kion fari?... La konscienco de l' rabeno eble dubis dum momento... En lia imago aperis fulme la bildo de l' suferataj persekutoj, de la antikvaj mortigadoj en la judaj kvartaloj ĝis la modernaj mortigadoj en Oriento. Li vidas sian rason, siajn familianojn humiligataj, premegataj, kalumniataj jarcenton post jarcentoj, kaj kiel estro de la krueluloj eble li vidas la Roman Eklezion, kiun li imagas hipokrita, kruela, nepardonema vestita kiel Inkvizitorestro kaj ordonante la neniigon de l' malbenita raso unue per la fajro de l' Inkvizicio, poste per la pledo kontraŭ Dreyfus.

Sed Abraham Bloch dubis nelonge. La tuta historio de humiliĝo kaj doloro pezis sur la pezilo de lia koro malpli ol la alvoko de nekonata vundita soldato... Li serĉis krucifikson, kaj meze de kugla pluvo li alportis ĝin al vundito, kiel lastan konsolon kun danĝero por si...

La soldato kisis la krucifikson kaj tuje mortis trankvile. Dume kuglo mortigis Abraham'on Bloch. Ambaŭ la hebreo kaj la katoliko subtenis konvulse la saman krucifikson. Ili alvenis kune ĉe la pordoj de la eterna mistero. Kaj ne estas eble supozi ke tie povas esti ia dio, kiu malkunigis ilin.

La ofero de la soldato estas, kiel tiu de milionoj aliaj soldatoj. Sed la ofero de la rabeno estas superbelega, nekomparebla. Li mortis pro religio, kiu ne estis lia. Ĉe la morto de martiro de sia propra kredo estas pasio, necedemo, eble iom da fanatismo, eĉ de malhumilo. Li mortas por *certigi* ke li estas prava, ke liaj kontraŭuloj eraras... Li scias ke sia morto estos fruktodona. Kaj li ricevas la morton egoiste, ĉar religioj kaj patrujoj havas ilian sakran egoismon.

Sed la ofero de la rabeno estas pura, sindona, absoluta. Li perdas la vivon por alporti krucon al kristana soldato. Nenia ombro de partieco, de pasio, puŝis lin. Ĝi estis ofero pro emo al ofero. Vi, apostolo de konkordo, pastro de la Sola Dio—ĉar Dio estas Amo—dormu pace en la nuna tempo de perfortaĵoj kaj netoleremo! Dormu pace en via tombo de SaintDié, monumento de l' nemortebla religio de l' Spirito kaj Vero! Monumento pagita de samlandanoj kaj fremduloj, laboristoj kaj generaloj; hebreoj liberpensuloj kaj episkopoj de Francujo!

*Luis de Zulueta*

Esperantigis resume: *F. Redondo*

# ALFONSO X LA KLERA

## REĜO DE KASTILJO KAJ LEONLANDO

### (1252-1284)

Sub gvidado de lia patrino *Doña* (Donja) *Berenguela*, tre entuziasma je la literaturo, oni edukis lin, kaj de lia plej frua juneco, la sciencoj kaj beletristiko ravis lin. Li pasigis sian unuan junecon en *Galicia*' kies dolĉa dialekto ĉarmigis lin. Per sia eksterordinare vasta klereco li atingis grandan famon en la tuta Eŭropo: li, kiel poeto, havis grandajn rilatojn kun la poetoj provencaj, arabaj kaj judaj tiamaj; li estis klerega kaj spertega Geometriisto, Astronomiisto, Fizikisto, Juristo, Teologiisto kaj Historiisto. La kastila lingvo kaj la ĝenerala kulturo de la lando multe ŝuldas al li, ĉar li oficialigis la lingvon kaj verkis per ĝi, kvankam bonege konis la latinan, kaj ordonis traduki la Biblion kastile.

Li translokigis al *Toledo* la Akademiojn, kiujn havis en *Córdoba* la okcidentaj Hebreoj je la X.ª jarcento; li disvastigis la doktrinojn de la antikvaj skoloj kristanaj; li fondis en *Sevilla* ĝeneralajn lernejojn por lernigi latinan kaj araban lingvojn.

Dun lia regado, la provencaj poetoj plej famaj vizitadis lian kortegon same, kiel katalunaj kaj *galiciaj* poetoj, kaj oni atribuas la aperon de la liriko en la kastila lingvo al influo de tiuj poetoj, kaj estis la reĝo mem, kiu iniciatis la lirikon per siaj *Cantigas* al la Virgulino. Li progresigis la simbolismon aŭ orientan arton kaj la didaktikan formon, ĉar li tradukis kaj tradukigis al vulgura idiomo la faman libron de la sanskrita literatuto *Pantcha-Tantra* (kvin dividoj) kaj *Pantcha-Fákyana* (kvin serioj da rakontoj), je 1251, kaj oni titolis la tradukajon *Calila et Dimna*, enkondukante la simbolismon en la hispana literaturo. Li estis konscia pri la alta valoro de la orienta civilizo kaj tial li celis riĉigi la nacian kulturon per la sciencaj verkoj de Araboj kaj Hebreoj, kaj tiel li enkondukis en nian kulturon la didaktikon, kiun influis la tradicio hispan-latina por korekti la filozofajn erarojn de Araboj kaj Judoj. Oni klasigas la verkojn de Alfonso X.ª kaj tiujn, kiujn oni verkis sub lia gvidado, laŭ ses grupoj: 1.ª Poeziaj Verkoj; 2.ª Orientaj Libroj; 3.ª Amuzantaj Verkoj; 4.ª Historiaj Verkoj; 5.ª Sciencaj Verkoj; 6.ª Juraj Verkoj. Al la unua grupo apartenas la *Cantigas* aŭ *Loores et Milagros de Nuestra Señora*, verkitaj en *galicia* dialekto, kaj la *Querellas*, el kiu nur oni konservas du strofojn; al la dua, *Calila et Dimna*, *Bonium* kaj *Poridad de Poridades*; al la tria, la *Libro de los Juegos* kaj tiu de *Montería*; al la kvara *Estoria de Espanna* aŭ *Crónica general* kaj la *Grande é general Estoria* kaj oni atribuas al li, aŭ almenaŭ la gvidadon, *Vida de San Fernando*. La reĝo volis, ke per la *Estoria de Espanna* oni sciu pri la deveno de la hispanoj, por kio li ordonis havigi al si ĉiujn historiajn librojn pritraktantaj pli malpli pri faktoj de Hispanujo de Noe ĝis li. La granda kaj ĝenerala Historio pritraktas de la kreado de la mondo ĝis lia tempo, kaj la verko estis vera Universala Historio. Nur oni posedas el ĝi ĝis la unua periodo de la disvastiĝo de la kristanismo. Al la kvina grupo apartenas la *Libro de la propiedad de las piedras* aŭ *los tres lapidarios de Abolays*; la *Tablas Astronómicas* aŭ *Alfonsies* ankoraŭ hodiaŭ tre admirataj, kaj por ilin formi, li kunvenigis en *Toledo* pli da 50 naciaj kaj fremdaj astronomiistoj, kiuj laboris dum kvar jaroj sub lia prezido kaj direkto; la *Libro de la Ochava esfera et de sus XLVIII figuras*; la *Astrolabio redondo* kaj la *Astrolabio plano*; la *Azafeha*; la libro de l' *Alcora* aŭ *de la Esfera*; la libro de la *Lámina Universal*; *la Armiellas*; *Láminas de los Planetas*, *Quadrante*, *la Piedra de la Sombra*, *Relogio de agua*, *Argent vivo*, *Palacio de las Horas*, *Alazir*, *Cánones de Albatasis*, *Indicios de las Estrellas* kaj *Tres Cruces*. Ĉiujn verkojn de la kvina grupo li ordonis verki.

Alfonso X volis aranĝi la juran haoson de sia regno, donante al la nacio leĝan unuecon, unuigante la leĝojn de urboj, urbetoj,

vilaĝoj kaj nobelaro, kiuj atingis tiajn leĝojn dum konstanta militado kelkjarcenta. Unue li verkis *El Septenario*, kiu estas kvazaŭ kateĥismo politika, morala kaj religia; resumo de liaj vastaj konoj, kaj bazo de liaj grandaj juraj verkoj apartenantaj al la sesa grupo. Poste li verkis *Libro del Spéculo* aŭ *Espejo de todos los derechos* kaj *Fuero Real*, kiuj aperis je 1256. Per la unua, kiun li mem redaktis, li difinis la plej justajn regulojn de la juro de Leonlando kaj Kastiljio, por ke laŭ ĝi oni juĝus en la tribunalo de la reĝo la apelaciojn; li volis per ĝi doni animon kaj vivon al la urba juro. Per la *Fuero Real*, li kondukis la urban juron en la lokojn kiuj ne havis ĝin, por fini la anarĥion, kiu devenis de la diverseco de urbaj leĝoj, ĉar tio ĉi faris la urbojn kvazaŭ apartaj ŝtatoj. La kodo estis resumo de la plej bonaj leĝoj urbaj kaj de l' *Fuero Juzgo* (Ĥuzgo).

Hispanujo estis la unua el neo-latinaj nacioj publikiganta la plej bonan kodon dum la unua parto de la Mezepoko, la *Fuero Juzgo* (Ĥuzgo) de la Visigotoj; dum la periodo de la realmilito, neniu nacio de la mondo posedis kodon pri kutimoj, kiel la perfekta kaj mirinda *Usages* (Usaĥes) de Katalunlando; poste, ĉi tie aperis la plej ĝusta kaj supera kodo el ĉiuj de la Mezepoko, la fama kodo *Las Siete Partidas de Alfonso X*, kiu samtempe estas juvelo nevalorigebla de la literaturò de la XIII jarcento. La reĝo ne verkis la kodon sed gvidis kaj kunlaboradis.

*J. M. R.*

---

# LA MALJUNULO

*(Rakonto de Emilio G. Linera)*

—Hodiaŭ estas la plej malgaja tago de mia vivo. Ĝis hodiaŭ mi nomis vin miaj mastroj kaj de hodiaŭ antaŭen, kiam vi piediros kaj pasos apud mi, mi vin nomos fratoj.

Vi estis miaj mastroj ĉar mi servis ĉe vi, kaj per mia laboro persona, mi kunlaboradis krei ĉi tiun negocon, kiu rimarkinde prosperis por la feliĉo de ĉiuj.

Dum via infaneco kaj juneco mia, mi vin tenis sur miaj tiam fortaj brakoj, kaj poste mi vin akompanis ĉiutage al la lernejo. Tiam via patro direktis la negocon, kiun hodiaŭ vi tre bone mastrumas.

Vi jam estas fortaj kaj inteligentaj; via patro mortinta kaj mi maljuna kaj neutila por la laboro. Tial ke mi ne povas plenumi la devojn de mia posteno ĉe vi pro mia maljuneco, mi devas forlasi la oficon kaj vin adiaŭi.

Miaj okdek jaroj tiel pezas, ke ili sufiĉas por nuligi miajn bondezirojn. Dum kvardekses jaroj mi vin servis kaj mi tiel daŭrigus la servon se la maljuneco tion permesus; sed mi ne povas pli nek plu, junaj kaj povaj mastroj!, miaj fortoj nuliĝis kaj mi ne estos al vi same, kiel antaŭe.

Post kelkaj semajnoj, ne multaj, mankos al mi la vivrimedoj necesaj, kaj se Morto ne glaciigas mian korpon, vi vidos ĉi tiun maljunulon, kiu estis nelacigebla laboristo, etendante la manon petegante almozon kaj nomi vin *fratoj*. Jes, *fratoj;* ĉi tian nomon donas la almozuloj al tiuj, al kiuj sin turnas petante almozon, al tiuj neatentantaj la mizeron de la malfeliĉulo. Por nenio taŭgos miaj historio kaj honoro; ĉio estas neutila. Tiuj, kiuj konas min de antaŭe, havos al mi iom da kompato; tiuj, kiuj ne konas min, dubos pri mi. Kiam mi frapos la fermitajn pordojn por peti almozon, multeokaze elpelos min per akraj paroloj doloriga j...

Adiaŭ, fratoj! Viaj severaj mienoj diras al mi, ke mi vin ĝenas, sed mi estas inda je via aŭskulto tial ke mi vin adiaŭas:

Kiam via patrino, juna kaj bela, kaj via patro, forta kiel vi estas hodiaŭ, akceptis min, ni estis malmultaj laboristoj ĉe vi; ne estis oficejo; komercaĵoj okupis malgrandan lokon. Via patro estis paganta ĉiumonate la luitan domon tial ke ne estis propra domo kiel nun, kaj tiam vi naskiĝis kaj eĉ mi estis por vi kvazaŭ vartistino. Vi kreskis, kreskadis, kaj iam mi ĉesis ciigi vin por

vin nomi respekteme mastroj; hodiaŭ ree mi ciigas vin, rimarku tion de ĉi tiu momento. Vi estas miaj fratoj, ĉu en viaj poŝoj ne estos io por ĉi tiu malfeliĉa maljunulo? Almozon, fratoj, pro homamo almenaŭ!

La du viroj, lukse vestitaj, stare, kun enpoŝigitaj manoj, estis aŭskultintaj sian ekslaboriston silente.

Unu el ili, la plejaĝa, kiam la maljunulo silentis, eltiris dekcentiman moneron kun intenco adiaŭi la maljunulon per tiu rekompenco; sed la malplejaĝa haltigis lian brakon kaj prenante karese la maljunulon ĉe la brakoj, lin sidigis sur brakseĝon de la eleganta ĉambro kaj al li alparolis:

—Ĉi tiu domo, vi bone scias, apartenas al mia frato kaj mi, same kiel la negoco; leĝoj kaj kutimo starigas niajn rajtojn; mia frato estas libera uzi siajn rajton propravole; mi uzas ilin dirante al vi: de nun, vi kaj mi estos amikoj kaj kun mia amikeco mi donas al vi monon kaj amon. Ĉe ni, dum mi estos unu el mastroj, vi enspezos same, kiel kiam vi plenlaboris, ne nomu fratoj tiujn, kiuj ĵetas al vi moneron aŭ malmolan panpecon.

—Dankon, amiko mia! Permesu ke mi rapidiru sciigi tiom da feliĉo al mia kunulino; malfeliĉulino, ŝi ankaŭ estas maljuna!.. Tiel balbutis la maljunulo starante kaj forirante.

Kia diferenco inter ambaŭ fratoj junaj kaj riĉaj!

---

RIMARKIGO DE LA TRADUKINTO

La verkisto transdonis al ni okazintaĵon; mi havis la plezuron koni la maljunulon, paroli kun li multfoje kaj manpremi lin, la simpatian, grandaniman maljunulon. Li laboris en unu el gravaj firmoj de Madrido. Li estis soldato dum la afrika milito je 1860, kaj la hispanregantoj estis por li eĉ pli malbonkoraj ol la plejaĝa frato: iam, antaŭ malmultaj jaroj, oni leĝdonis por iuj el malmultaj vivantaj soldatoj de tiu milito (300 proksimume) specialan salajron malgrandetan, sed li ne povis atingi ĝin; tamen, la oficiala budĝeto ŝtata havas monon po grande por eksministraro, k. t. p.; la sumo por ĉi tio ne estas rimarkinda, danĝera je la financa stato de la lando; sed certe bankroto estus veninta al la ŝtato se oni estus doninta al 300 okdekjaruloj proksimume jaran monsumeton po ĉiu!

---

# Al subtenantoj de "Hispana Esperantisto„

Konstantaj penadojn postulas al mi la subtenado de la gazeto, kaj tamen konstante mi pensadis rimedojn por allogi la Esperantistojn kaj pliigi la nombron da subtenantoj, tial ke multenombriĝo estas forto; bedaŭrinde, ĝis nun, la sorto ne estis favora al mi, kvankam konstante mi frapadas kaj malgraŭ la opinioj de spertaj samideanoj pri la gazeto, opinioj aperintaj sur ĝiaj paĝoj kaj pruvantaj ĝian meriton.

Mi entreprenis la eldonadon de broŝuroj, kiujn mi celis liveri preskaŭ senpage, kies eldonadon pagos privataj poŝoj, kaj malgraŭ la anoncoj, malmultaj sin turnis al mi sendante la malgrandan sumon por ricevi la broŝurojn; tial mi decidis dissendi la du unuajn al ĉiuj subtenantoj tute senpage, kaj same mi faros ĉiam. Ĉi tiu entrepreno, per kaj pro kiu mi trudas imposton al poŝoj de iuj intimaj amikoj fervoraj kaj al mia, mi ne scias ĉu sukcesos aŭ ne por varbi subtenantojn, sed sukceso estas, kaj granda, ke la unua broŝuro, «Ŝipopereo kaj La Iluzio kaj la Tempo» de nia kara San Millán, estis meritinta la jenan opinion de la recenzisto de «Esperanto Triumfonta» G. Ajul, kiu diras: «Du poemoj en unu volumeto esperante, verkitaj de Rafael de San Millán.

»Du ĉarmaj poemoj, similaj al tiuj, kiujn kantis la trubaduroj (kantistoj en la mezepoko prikantantaj la amon en provenca lingvo). Nur sudlandano rakontas tiel pasie en versoj emociantan okazintaĵon. La enhavo estas dolorplena, kortuŝanta. Mi ne volas paroli pri la enhavo de la romanco. Estas bedaŭrinde, ke la moderna vivo perdis preskaŭ ĉiun romantikecon. Sed en la Ŝipopereo

reviviĝis Mistral, la granda poeto de Mireio (elpar. Mirejo).

»Ĉiuj legos la versojn kun granda ĝuo, t. e. nur tiu, kiu ne infektiĝis per la senvaloraj modernaj poeziaĵoj.

»En la Iluzio kaj la Tempo sin prezentas fablo simila rakonto, kies legado meditigas nin. Ambaŭ interbatalas. Mortas la iluzio terenbatita de la kruela tempo. La verkinto pentris bildeton el la ĉiutaga vivo. Ni ĉiuj spertas milfoje tion per faktoj, kion li skizante montras al ni per spegulo, en kiu ni ekvidas la vivon kaj-nin mem.»

Ĉi tiu sukceso sola sufiĉus por daŭrigi la vojon spite indiferenteco de la Esperantistoj por la gazeto, sed mi esperas aliajn sukcesojn, ju pli la tempo pasos, des pli, ĉar mia obstineco estas nevenkebla kaj la entuziasmo, fervoreco kaj sindonemo de miaj intimuloj, neestingeblaj. Koro, cerbo, volo kaj poŝo niaj restas ĉiam pretaj por kaj pro Esperanto, sed se Esperantistoj interesiĝus en tiu ĉi homama celo per nur la jara kotizaĵo... Revo mia haltu hodiaŭ, ci fariĝos re alaĵo iam! Jes, certe, ĉar en nia lando romantikeco ne mortis, kaj mia entrepreno, kiu estas ankaŭ de tiuj, kiuj akompanas min, estas tute romantika, kiel la poemoj de la amata San Millán.

*Julio Mangada Rosenörn*

---

# ANTAŬEN!

*Al mia kara amiko Agustinn Durán.*

Nun, kiam vin forestas de nia grupo, plenumante superajn devojn, kredu, ke la amo de ĉi tieaj esperantistoj sekvos vin konstante.

Vi loĝas nune en urbo, kie esperânta movado ne ekzistas, kie emo al instruado ne estas granda, sed ne forgesu la vortojn per kiuj iu respondis al mi, iam, kiam en neforgesebla gaja tago, mi plendis pri via tiam estonta foresto; «bona semo falinta sur teron, kie ajn ĝi fruktiĝos».

Se vi atingus veki la esperantan movadon tie, se vi almenaŭ interesigus iujn pri nia afero, esperantista grupo Jerez, estus fiera pro via sukceso; kvankam ĝi ĉiam estas fiera pro viaj klopodoj.

*Petro Naranjo*

Jerez.

---

# EL SONĜO DE CARAZAN'O

*(El «Bremen Magazin». Volumo IVa, paĝo 539a)*

Ju pli liaj riĉaĵoj kreskadis, des pli lia koro fermiĝis al kompato kaj amo por similulo; ju pli malvarmiĝis lia sindonemo, des pli diligenta li estis preĝi kaj agi religie. Post ĉi tiu konfeso, li parolas tiel: Nokton, ĉe la heleco de lampo, mi estis kalkulanta gajnojn, kiam dormemo kaptegis min. En tia stato, mi vidis la anĝelon de la morto, venanta en min, kvazaŭ ventoturniĝo, kaj, antaŭ ol mi estis povanta eviti la frapon teruran, li min frapis. Mi restis glaciigita kiam mi konsciis, ke mia sorto estis decidita por la eterno; kiam mi konsciis, ke nenion mi estis povinta aldoni al bonaĵoj de mi faritaj, kaj nenian malbonaĵon eltiri el tiuj de mi faritaj ankaŭ. Mi estis portata antaŭ la trono de tiu, kiu loĝas en la tria ĉielo. La lumo, flamadanta antaŭ mi, tiel al mi alparolis: «Carazan'o, cia kulto al Dio estas rifuzita. Ci fermis cian koron al amo homa kaj per fera mano gardis ciajn trezorojn. Ci vivadis nur por ci mem kaj izolota ci vivados; tial, de nun antaŭen eterne nenian kontakton vi havos kun la tuta kreiaĵo.» Ĉi tiun momenton mi estis ektrenata de nevidebla povo preter la brilantajn konstruaĵojn de l' Universo. Nekalkulebla nombro da mondoj restis post mi. Kiam mi alproksimiĝis al la plej ekstrema limo de la naturo, mi rimarkis, ke la ombroj de l' vakuo senlima enprofundiĝis en kavejon ĉar

ili forkuris el mi. Terura imperio de eterna kvieteco, de soleco kaj mallumeco. Antaŭ tia spektaklo, granda teruro nepriskribebla falis en min. Iom post iom la lastaj steloj perdiĝis al mia vido, kaj, fine la lasta fulmeto ŝancelanta de la lumo estingiĝis ĉe la ekstrema mallumeco. Mortiganta angoro pro senespero kreskadis en mi je ĉiu momento, mi estis pli malproksima je la lasta mondo loĝata. Mi pensadis, kaptita la koro de nesuferebla angoro, ke kiam miliardjaro estos kondukinta min preter la limojn de la kreita Universo, mi estos rigardanta ĉiam antaŭ mi la senliman abismon de la ombregoj, sen ia helpo, sen espero pri returneniro. En ĉi tiu konfuzego, mi etendis miajn manojn al la reala mondo por min savi, kaj per tiel granda energio mi ilin etendis, ke mi vekiĝis. Tial, mi estis lerninta altestimi la homojn; eĉ la plej humilan el tiuj, kiujn dum la fierego de mia feliĉo mi elpelis el mia pordo, mi estus preferinta pli en tiu terura dezerto, ol ĉiujn trezorojn de *Golconda*.»

---

# Neforgeseblaj momentoj de Dudkeilo

Dum mia restado en Zaragozo, lastan tagon, mi ĝuis unu el plej simpatiaj sekvoj de praktika Esperantismo.

S-ro Emilio Gaston kunvenigis en sia hejmo proksimume dudek geinfanojn aŭstriajn, por ke S-ro Bartel kaj komitatanoj por la gastigo vidu ilin. Estis vera festo. La koroj batadis plenĝoje. La geinfanoj estis gajaj, kontentaj; iliaj vizaĝoj elmontris la belan rozkoloron de plena bonfarto kaj feliĉo. Multaj el ili dikiĝis dek-dekdu kilogramojn. Ĉiuj sufiĉe bone parolis hispanan lingvon, kiam iu el ni nin turnis al ili esperante. Du infaninoj, kun la regiona vestaro de Aragono, bonege dancis la aragonan dancon, kaj alia ravante kantis la aragonan kanton, la faman *jota* (ĥota), la kanton, kiu fojon fandas la koron je larmoj; kiu fojon ebriigas je ĝojo kaj eksplodigas la animon laŭ ridoj; kiu fojon vibrigas la sentojn same, kiel plej heroa himno. La knabineto, per belega voĉo, kvazaŭ vera aragonanino aŭdigis al ni la ravantan kanton. Ha, Esperanto, kiom da bono, kiom da feliĉo, ŝuldos al vi la homoj! Kelkajn fojojn, miaj okuloj larmiĝis, kaj mia penso retuneniris al batalkampoj, kaj mi min demandis: «Kial kaj ĝis kiam la homoj ni malamos unu la alian? Ni akcelu triumfon de Esperanto por ke la sento reganta la festeton fariĝu tutmonda.»

*Julio Mangada Rosenörn*

---

# La povo de la ploro

Unu el la plej delikataj artoj, kiuj estas parto de la virina edukado, estas la arto ridi; sed estas alia pli malfacila kaj delikata, ol tiu: la plor' arto.

La plor' arto estas la arto por kortuŝi.

Ridetema kaj ridema virino vekas simpation, intereson, foje korinklinon. Ploranta virino kortuŝas nin pasiege.

Tial, virino, kiu zorgas la edukadon de siaj lipoj, kaj kutimigas ilin moviĝi laŭ sia volo, pli interese edukas siajn okulojn por ke ili malsekiĝu ĝustatempe.

Preskaŭ ĉiuj virinoj scias plori ĝustatempe, sed multaj ne scias ĝustatempe ridi.

Kion oni diros pri virino, kiu neniam ploras? Neeble; larmoj elfluas el virinaj okuloj tiel nature, kiel akvo elfluas el fonto.

Virino ĉiam ploras delikate amemocie ĉu pro doloro, ĉu pro ĉagreno, ĉu pro ĵaluzo, ĉu pro kolero...

Estas malfacile diveni ĉu rido ĉe lipoj de belulino estas vera aŭ nevera, sed estas neeble scii ĉu larmoj ĉe ŝiaj okuloj estas sinceraj. Kiu povas penetri preter belaj okuloj ŝiaj vualitaj de ploro?

Larmoj maldiafanigas la rigardon; se la rigardo estas malameta, malestima, larmoj mildigas ĝin, kaj igas ĝin amema, karesema.

Trankvila rido de belulino sonas al nia aŭdo kvazaŭ tintilado, kaj falas en nian koron kvazaŭ orsona falo; ŝia ploro sonas al nia animo, kiel konvinkantaj paroloj, kaj falas en nian animon, kiel miela fadeno dolĉiganta ĉagrenojn de la vivo. Malmultaj viroj povas rezisti ploron de virino; ĉion, kion ŝi ne atingas per sia rido, ŝi trafas per sia ploro.

Ni amu ŝian ridon, por ke ŝi gajigu iom la dolorojn de la vivo; ankaŭ ni amu ŝian ploron, por ke ŝi verŝu iom da amemo sur niajn korojn, kiuj laciĝas pro la ĉiutaga batalado.

# NEKROLOGIO

Kiam la numero de julio estis preta, frapis nin du kruelaj novaĵoj: unua pri la subita morto, la 4.an de la dirita monato, de nia karega poeto eminenta Antoni Grabwski; li mortis 63 jara vundite de kormalsano. Senpacience ni atendis respondon al letero por koni opiniojn liajn pri la broŝuroj laste eldonitaj de ĉi tiu gazeto, pri kies broŝuroj li demandis al ni kaj li esprimis interesojn; li ilin ricevis certe, eble li havis tempon por ilin legi, sed siajn opiniojn li kunportis al la tombo aŭ li lasis sur sia skribtablo. De la profundo de nia koro, ni sendas al lia familio kaj al polaj samideanoj nian doloresprimon ĉar de kelke da tempo li estis por ni afabla sindonema amiko.

Li estis la unua verkisto kaj la unua, kiu, antaŭ 30 jaroj, parolis esperante kun la Majstro, kun kiu havis longjaran amikecon. Li prezidis honore la Polan Esp. Societon kaj la plej fama kaj meritplena Direktoro de la Akademio li estis. Lia lasta rigardo estis por Esperanto, ĉar liaj okuloj fermiĝis kiam li rigardadis la esperantaĵojn pendantajn ĉe fenestro de Nova Esp. Oficejo.

Korprofunde ni bedaŭras lian morton, ĉar de antaŭ kelke da tempo li estis por ni afabla kaj sindonema amiko; ni jus - oni povas diri — interkonsentis pri eldono de «Postrikolto» («Suplemento al parnaso de popoloj»), kiu baldaŭ aperos; lia manskribita originalo estas por ni altvalora sanktaĵo.



Dua, la 16.an de la sama monato, mortis en Zaragozo la juna sed sperta, fervora kaj entuziasma samideano David Maynar, filo de nia amata, nelacigebla kaj grandanima pioniro de Esperanto en Hispanujo kaj Delegito de UEA en Zaragozo Manuel Maynar, kiu malgraŭ la kruela malsano de sia filo organizis kaj prezidis la gransukcesan Dudkeilon. David Maynar estis granda espero al la hispana Esperantistaro, al kiu li promesis indan sekvulon de sia patro, ĉar liaj kondiĉoj kaj kapabloj estis eksterordinaraj; ankaŭ li estis bonega artisto, vera virtuozo, ĉar li ludis fortepianon majstre. Tial la hispana Esperantistaro ploras kun la patro esti perdinta la junan pioniron; la patro estu certa, ke ĉiuj, kiuj estis feliĉaj konante kaj enamikiĝante kun la malfeliĉa David, sentas profundan doloron pro la terura bato de la Fatalo: tio ĉi alportu ian konsolon al nia karega Manuel Maynar kaj al lia familio.

# ESPERANTA MOVADO

## ENLANDA

**Melilla.** — Nia samideano S-ro Luis Campos, per sia granda entuziasmo, atingis klarigi Esperanton al tri gelernantoj, kiuj entuziasme ĝin lernas elmontrante esti kaptitaj de interna ideo, kaj certe pro tio ili fariĝos fervoraj nelacigeblaj pioniroj kiuj disvastigos nian aferon.



**Bilbao.** — Organizita de la bilbaoa grupo, okazis la 18 de Aŭgusto esperanta parolado

en salono de la Arta kaj Metia Lernejo. S-ro Tajlor angla samideano kiu pasigas la somertempon inter ni parolis pri utileco de Esperanto dum lia voĝajo al Hispanio. Poste S-ro Larrea en plej bona estilo rakontis pri la voĝajo de la bilbaoaj esperantistoj al la Kongresoj de Dresdeno kaj Praha, rimarkigante ankaŭ, pri la grava sukceso de ambaŭ internaciaj kongresoj.

Estis bela kaj interesa esperantvespero, kiun ĉeestis cento da samideanoj. La Esperantistaro de la ĉefurbo kaj tiuj entuziasmaj de Baracaldo antaŭen marŝas kaj esperigas al ni fruktodonajn sukcesojn.



**Huesca.**—La progreso de Esperanto en ĉi tiu urbo estas rimarkinda ĉar la ĵus fondita grupo «Osca» (*Oska* antikva nomo de la urbo) vigle agadas. La komitato konsistas el la jenaj gesinjoroj: Roberto Maraury (Honor-Prez.), Jozefo Artigas (Prez.), Fidel Oltra (Vicprez.), Carlos Lafarga, Jesús de Motta (Voĉdon.), F-inoj Adela Aznar kaj Dolores Benimeli (Voĉdon.); F-ino Araceli Artigas (Kasist.); S-roj Feliciano Baratech (Bibliotekisto), Adolfo Urzola (Sekretario). Baldaŭ ekfunkciados kursoj.



**Jaca** *(Huesca)*.—Antaŭ multenombra ĉeestantaro konsistanta el multaj personoj, kiuj pasigas la someron ĉi tie, la 24.an de Aŭgusto, S-ro Mangada parolis pri Esperanto, pri sia vojaĝo al XIII.a kaj pri ĉi tiu grande sukcesa mondfesto. Dum du horoj li paroladis interesante la aŭskultantaron, kaj multaj, je la fino alproksimiĝis al la parolinto por akiri informojn. La parolado okazis en la festosalono de la urba ĉefa kazino.



**Jerez** *(Cádiz)*.—La 21.an de Aŭgusto, okazis kulturfesto gravega en la Grupejo de la ĉi tiea esperanta grupo. Ĉiu monata kulturfesto estas des pli grava kaj sukcesa por Esperanto, kaj la hispanaj Esp. devas esti fieraj je sia pioniro Petro Naranjo, prez. de la grupo, ĉar dank' al lia entuziasmo kaj vigleco, Jerez fariĝos baldaŭ grava ĉe la vicoj de esp. urboj. La festojn ĉeestas Esperantistoj kaj simpatiemuloj por Esp. En la lasta legis verkojn interesajn S-roj Johano Cordero, Francisko Hernández, Antonio del Pino (sian kaj tiun de Aŭgusteno Duran), Jozefo Rivera, Jozefo Guerrero, Jozefo Dorante, legis originalan versaĵon de instruisto S-ro Antono Cala, Luis Romero kaj Antonio Valle legis verketon de financa kapitano Alberto Camba; sed la plej rimarkinda okazintaĵo de la festo estis, ke F-inoj Jozefinjo Marín, Rosarito kaj Ana Caro, legis siajn originalajn verketojn pri Esperanto kaj ĝia interna ideo, elpruvante al la ĉeestantaro la gravecon de komuna lingvo Esperanto, kaj instigante virinojn akcepti ĝin por atingi siajn rajtojn kaj kunlaboradi kun la viroj al tutmonda fratiĝo.



**El Pardo** *(Madrid)*.—La ĉi tiea grupo tuj, post ĉi tiuj teruraj somertagoj, aktive entreprenos laborojn por organizi la I.an Kongreson de Iberaj Esperantistoj. La helpo de la organizintoj de Udkeilo kaj Dudkeilo, kaj de ĉiuj Federacioj estos efika, sed la Esperantistaro devos atenti kaj aliĝi amase por sukcesigi ĉi tiun kongreson, kiu estos la unua gravega paŝo al almilito de la ŝtatoficialuloj. Grupoj, Societoj, Federacioj, izolitaj Esp. estas devigataj, se ili estas veraj Esperantistoj, helpi kaj por tio ili devas agi de nun mem sin turnante al S-ro Benigno Luna, prezidanto de la grupo «Frateco» de El Pardo.



**Málaga.**—En ĉi tiu urbo ĵus oni fondis Grupon, kaj S-ro Baudin A. (Instruisto), kiu estis Esper. Konsulo de la Hispana Societo por Propagando de Esperanto, klarigas kurson pri Esperanto.

**Bilbao.** – La Grupo Socialista esperantista vigle agadas: ĝi malfermis kurson specialan ĉar nur estas permesate paroli Esperanton konstante. Ĉeestas la kurson eĉ antikvaj samideanoj. Oni malfermos kursojn por komencantoj; oni faros ekskursojn por propagandi.

Ĵus oni elektis la jenan komitaton: Isidoro Acha, prez.; Nicolás Lázaro, vicprez.; Ricardo Herrán, sekr.; Miguel Pascual, kas.; Ricardo Villalba, monkolek.; Pedro Bilbao, Raimundo Varela, Tomas Arambilet, voĉd.; Angel García, Eugenio Aresti kaj Luis Otaola, reviziistoj.



Franca gazeto de leda industrio LE CUIR («La Ledo») dezirante enkonduki en ĝia eksporta eldono: «Le Indekso de Ledaj industrioj», fakon en Esperanto, petas ĉiujn esperantistojn interesiĝantajn al la leda komerco aŭ industrio, kiel teknikistojn, komercistojn aŭ oficistojn, sendi ilian adreson kun la indiko de la profesio al

*S-ro ĉefredaktoro de LE CUIR*

54, Rue de Bondy

PARIS (10.°)



Tip. Calle de San Lucas, 5.—Madrid